1 0 -06- 1997

1/97

Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Sekretaria raporto

**1. Nuna stato de la asocio**

a. La kvara kaj lasta numero en 1997 de la organo Internacia Ĵurnalisto estis redaktita en la sama formato kiel iam kaj sendita al la membroj, inkl. de tiuj kiuj ne pagis la kotizon en la espero ke tiuj faros tion, instigite de la ricevo de l' ekzemplero. Ni ne scias certe ĉu tio efikis.

b. Pri la korespondа kurso raportas Paul Gubbins.

c. Aliĝis kvar novaj membroj ekde la komenco de 1997, el kiuj tri estas japanoj kaj unu italo.

ĉ. La japana sekcio nun nombras dek du membrojn, la plej multnombra el ĉiuj. La kotizoj estis plene pagitaj.

d. La sekretario provas kontakti internacian profesian organizon kaj skribis al Internacia Federacio de Ĵurnalistoj, laŭ sugesto de la UEA-estrarano pri fakaj agadoj Amri Wandel. Li sendis la leteron al la adreso en Bruselo, priinformita de UEA, sed vane. Ĝis nun neniu respondo. Li petis la TEĴA-revizoron Roland Rotsaert helpi, kion tiu ĉi konsentis fari. Ŝajnas ke en Belgio nun estas sezono de ferioj kaj festoj kaj ke estas malfacile akiri informon.

**2. Propono de revizio de la statuto**

Mi proponas por la membrokunveno 1998 en Montpeliero revizion de „ĝenerala sekretario“ al „sekretario“ pro tio ke la pompa nomo kaŭzas mokojn. Sen atendi la formalan rezolucion, mi uzos ekde nun la simplan formon.

YAMASAKI Seikô, sekretario

# Raporto pri la trejnkurso

Solviĝis dum la jaro la problemo -- efektive ŝajn-problemo -- pri tro da interesatoj, maltro da docentoj. Raportiĝis en Prago, ke interesiĝis pri la kurso dekoj da esperantistoj, kiuj petis bazajn informojn pri la trejnkurso; intertempe tiuj kontaktiĝis kun peto firme esprimi sian deziron komenci la kurson. Nur kelkaj reagis; do konkludiĝis, ke la unua intereso ne tradukiĝis en konkretan volon. Leviĝas la demando: kial? Ĉu la kurso tro multekostas? Ĉu ĝi aspektas tro temporaba, tro postulema, tro alt(eventuale tro malalt-)nivela? Ĉu, almenaŭ por afrikanoj, praktikaj aspektoj (nefidinda, altkosta poŝt-servo) simple malebligas partoprenadon?

Aktuale registriĝis 23 personoj el ĉiuj mondopartoj. Jam sukcese kompletigis la kurson sep; plejlaste Jiri Patera (Prago), kiu akiris pli ol 70% kaj pro tio sukcesis kun honoro la programon. Al li: gratulojn! Kvin kursanoj, laŭ raportoj de docentoj, ne aktivas; restas 11, kiuj ankoraŭ laboras. Tamen povas esti, ke el tiuj ok kelkaj ne plu aktivas; se docento ne aparte informas la kurs-respondeculon, ne eblas akiri precizan kaj aktualan impreson pri la vera stato de la kurso. Plej zorgigas tiujn, kiuj komencis la kurson antaŭ du jaroj kaj kiuj ankoraŭ ne finis ĝin.

Tamen la sukceso-kvoto (sep el 23) plej verŝajne superas tiun de la plimulto de korespondaj kursoj -- almenaŭ en Esperantujo. (> p. 2)

# Eŭropcentrismo

**Plendo de japano**

TEĴA ne povas okazigi membrokunvenon sine de la adelajda UK pro la simpla kialo, ke ne partoprenos ĝin multaj kaj neniuj estraranoj krom mi. La samo okazas pri aliaj esperantistaj fakaj organizoj.

Ĉiuj deklaras, „kvazaŭ tio estus la plej natura aĵo en la mondo“, ke ili ne povas ĉeesti. Mi ne scias ĉu pro financa ĉu pro tempa kialo. Tio klare montras la eŭropcentrismon, konscian aŭ subkonscian, de la plejparto de l' esperantistaro.

Ili probable pensas ke ili ne povas iri al tiom malproksimaj landoj kiel Koreio aŭ Aŭstralio, kaj en jaro kiam UK ne okazas en Eŭropo, ili rifuzas partopreni kaj okazigas siajn karajn regionajn konferencojn ktp. en Eŭropo (la plej skandala estis la nepartopreno de la prezidanto Lapenna en la tokia UK en 1985 – kvankam li havis pretekston). Mi neniam aŭdis apologion, eĉ ne bedaŭron, pri tio el la buŝo de tiuj arogaj mankantoj.

Se tiel estas, kion diru la amerikanoj, azianoj, oceanianoj kaj afrikanoj? Ni ŝparas dum dek du monatoj ĉiun jaron por forspezi ĉion en unu semajno de UK sen plendi per eĉ unu vorto. Ĉar ni scias bone ke la centro de la esperanto-movado estas Eŭropo.

Ni volonte eltenas seriozan malaltiĝon de nia vivnivelo por la kaŭzo. Kiam okazas UK en alia kontinento unu fojon en jardeko, ĉu eŭropanoj ne sentas emon helpi la movadon en movade neevoluintaj landoj?

Tiu ĉi fenomeno ne estas limigita en fakaj organizoj. Pri la komitatanoj de UEA, tio estas ankaŭ la okazo. Kiam proponoj estis faritaj ke certa kunsido okazu ekster la regulaj tagoj de UK, japanaj komitatanoj oponis pro tio ke tio volas diri unu plian tagon por neeŭropanoj. Tiam la plimulto akuzis nin, dirante ke estas nun klare ke unu semajno ne sufiĉas por enteni tutan gamon da progra-

KOLOFONO

***Internacia Ĵurnalisto***

cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio
Redaktofino de tiu ĉi numero: 16 maj 97
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso 100103.3317@compuserve.com
Ĝenerala sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; retadreso (syama@dokkyo.ac.jp)
Estraranoj: Aleksander KORĴENKOV; Paul PEERAERTS.
Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN
Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando
Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

meroj. Kiam tamen simila propono estis farita pri la adelajda UK, eŭropanoj kontraŭis pro ekzakte la sama kialo kiel ni faris antaŭe kvazaŭ denove tio estus la plej natura aĵo en la mondo. Kia enorma forgesemo!
Ni neeŭropanoj estas humilaj. Se eŭropanoj havus tiom da malgrandega konsideremo kiom aldoni vorteton kiel „bedaŭras“, ni kontentus. Eĉ tion tamen ili avaras.
YAMASAKI Seikô

***Peto de l' redaktoro***

Se aperu en tiu ĉi jaro almanako de TEĴA, ni bezonas ne nur monon (kiu probable estos je dispono) sed ankaŭ materialon, kiu ĝis nun mankas. La redaktoro do petas sendi artikolojn.

(> raporto pri la trejnkurso)

Diligente laboras la docentaro: Stefan Maul, kun 5 (registritaj kaj teorie aktivaj) studantoj; Will Green, 4; Evgeni Georgiev, 1; kaj Jacques Le Puil, 1. Al la docentaro: koran dankon pro foje ĝena, temporaba laboro! La kurs-respondeculo aktuale dediĉas sin al administraj aferoj; ekz. al respondado al inform-petoj, kiuj riceviĝas ĉ. po kvin monate. Informo pri la trejn-kurso troviĝas en tuttera teksaĵo ĉe: http://ourworld.compuserve.com/homepages/PGubbins.

Iam la trejn-kurso devas esti reviziita; kiam ĝi lanĉiĝis antaŭ du jaroj, ĝi estis ja nova, eksperimenta, kaj tute ne perfekta. Intertempe ĝi parte eksmodiĝis kaj, pro la sperto akirita dum la du jaroj de ties ekzisto, evidentiĝas mankoj kaj eroj plibonigendaj. Tamen pro diversaj kialoj la tiama verkinto ne povos en antaŭvidebla tempo entrepreni tiun reviziadon; se volos sin anonci revizianto, kaj TEĴA kaj la kurs-respondeculo ege dankos!
Paul Gubbins, kurs-respondeculo

# Kasraporto

Se mi raportas nur la grandan konturon de nia financa stato, mi povus diri ke la nuna permesas al ni iom da respriado. Nia konto estas tenata ĉe UEA kaj FEL. Ilia progreso estas jena:

1996-01-01/06-30

| | |
|---|---|
| FEL | BEF |
| Saldo 1995-12-31 | 33677 d |
| Elspezo | 14574 d |
| Enspezo | 50304 k |
| Saldo 1996-06-30 | 2053 k |

1996-07-01/12-31

| | |
|---|---|
| Elspezo | 36327 d |
| Enspezo | 32021 k |
| Saldo 1996-12-31 | 2253 d |

| | |
|---|---|
| UEA | NDG |
| Elspezo | 340.00 |
| Enspezo | 352.27 k |
| Saldo 1996-12-31 | 400.69 k |

1997-01-01 ĝis 05-01

| | |
|---|---|
| FEL | BEF |
| | 2253 d |

| | |
|---|---|
| UEA | NDG |
| Elspezo | 100.00 d |
| Enspezo | 122.71 k |
| Saldo 1997-03-26 | 423.40 k |

Se kalkulite proksimume laŭ la kurzo de NGD 1 = BEF 0,0547, nia suma neta saldo estas NGD 123.
En januaro 1997, Stefan Maul kaj mi ĝiris koston de IĴ 4/1997, BEF 11969 (ĉirkaŭ NDG 654), kiu ankoraŭ ne estis enlibrigita. Se oni tion aldonas, ni estas definitive en la nigra cifero.
YAMASAKI Seikô